# INTERNACIA ĴURNALISTO

JARO V. SOFIA — BULGARIO
NOVEMBRO—DECEMBRO 1961, № 6



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## MEDITO DUM TRAFOLIUMO DE LA JARLIBRO 1961 — DUA PARTO — DE U. E. A.

*En la Raporto de la Estraro de Universala Esperanto-Asocio pri la agado de la Asocio en la laborjaro 1960/1961 kaj en aliaj materialoj kaj informoj, aperintaj en la Jarlibro 1961 — dua parto — de UEA sur multaj paĝoj oni mencias kaj pritaksas ankaŭ la laboron de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kaj de ties membroj. Oni skribas pri la rezultodona laboro de TEĴA en diversaj sferoj de agado kaj samtempe montras iujn mankojn.*

*En la Aldono — parto kvara — estas enmetitaj la raportoj de la fakaj Asocioj kunlaborantaj al UEA. Sur paĝo 100 ni legas ankaŭ la raporton de TEĴA.*

*Trafoliumante la Jarlibron — dua parto — tamen en mian kapon venas diversaj meditoj kaj pensoj. Vere, ke UEA bone rilatas al TEĴA, pritaksas inde ĝian agadon kaj kunlaboron. Sed estas ankaŭ vere, ke oni montras ankaŭ iujn mankojn, nekontentigajn flankojn de nia agado. Ekzemple, sur paĝo 57 de la Jarlibro, priskribante la parton INFORMADO de UEA, oni skribas pri TEĴA jene: „TEĴA: La materialoj de I. F. estis ankaŭ en 1960/1961 regule sendataj al 68 membroj de TEĴA, La ĵuralistoj, kiuj parolas la Internacian Lingvon kaj estas organizitaj en TEĴA troviĝas en speciale favora pozicio por helpi efikan informadon pri Esperanto. Pluraj el ili efektive donis tian helpon, sed parto bedaŭrinde restas neaktiva".*

*La bulteno de Internacia Gazetara Servo de UEA kaj aliaj informoj estas dissendataj al la Esperanto-gazetaro kaj apartaj ĵurnalistoj. La landaj I. F. (Informaj Fakoj) kie ili ekzistas, kaj la unuopaj kunlaborantoj utiligas la bultenojn por publikigo de nacilingvaj informoj, por disaŭdigo per la radiostacioj. Sed ne ĉiuj TEĴA-anoj utiligas regule tiujn materialojn. En la resumaj ciferoj pri informado en la Jarlibro — parto dua — oni legas interesajn kaj ĝojindajn faktojn. En 1960 aperis entute 4,301 (5,307) artikoloj kaj 9,212 (9,313) informoj pri Esperanto en nacilingvaj gazetoj kaj revuoj. Estis disaŭdigitaj 669 (3,177) nacilingvaj prelegoj aŭ prelegetoj per radio. Kompreneble, por atingi tiujn rezultojn multe kontribuis ankaŭ niaj ĵurnalistoj. Sed ĉu la informoj de UEA pri tiuj ciferoj estas kompletaj? Ĉu la nombro de la aperintaj en la gazetaro kaj disaŭdigitaj per radio materialoj ne estas pli granda? Kaj eĉ se la ciferoj montras la veran staton, ĉu ni devas kontentiĝi kun tiuj ciferoj? Tute ne!*

*Vere, kunlaborante al UEA, nia Asocio kaj niaj membroj ne donas ĉion, kion ili povas kaj devas doni.*

*En kio konsistas la nekontentigeco de nia laboro? Kiuj estas la mankoj de nia agado tiurilate?*

*Unue, ne ĉiuj membroj de TEĴA fariĝis fakdelegitoj de UEA pri ĵurnalismo, malgraŭ ke en kunvenoj de TEĴA en la kadroj de la Universalaj kongresoj ne unufoje*

*oni emfazis tion. Kelkfoje ankaŭ „Internacia Ĵurnalisto" instigis la membrojn fariĝi fakdelegitoj. Kiel fakdelegitoj de UEA pri ĵurnalismo niaj membroj povas pli efektive kunlabori al UEA kaj helpi al la ĵurnalistoj, al siaj kolegoj de la tuta mondo, kiam la lastaj bezonas ian servon.*

*Due, ne ĉiuj membroj estas kunlaborantoj al la koncernaj fakoj de UEA. Ne ĉiuj fariĝis memvolaj informanoj de I. F. kaj de CED de UEA. Oni devas kompreni bone, ke la ĵurnalistoj plej efike povus provizi al UEA plenajn kaj kontentigajn informojn pri la gazetaro, radio ktp. Do necese estas, ke ni ĉiuj fariĝu regulaj informantoj kaj kunlaborantoj de UEA. Tiamaniere UEA kaj la tutmonda esperantistaro pritaksos bone nian laboron, tiamaniere pligrandiĝos la reputacio de TEĴA kaj de la esperantistoj-ĵurnalistoj.*

*Kvankam en la Jarlibro ne estas menciite pri la laboro de apartaj ĵurnalistaj grupoj kaj unuopaj ĵurnalistoj konekse kun la kampanjo Oriento-Okcidento, evidente estas tamen, ke ankaŭ tiurilate TEĴA kaj ĝiaj membroj ne kontribuas sufiĉe por la plenumo de tiu tre grava tasko. Estas ĵurnalistoj kiuj eldonas gazetojn kaj librojn, aperigas artikolojn, organizas kunvenojn kaj prelegojn kaj ili mem prelegas por la reciproka aprezado de la orientaj kaj okcidentaj kulturaj valoroj. Sed tiu laboro estas nekontentiga. Plej rezultodone povas kontribui al la kampanjo Oriento-Okcidento, komprenеble, la ĵurnalistoj, havante je sia dispono tiel fortan rimedon, kiaj estas la radio, la gazetaro ktp. Do, necese estas, ke la ĵurnalistoj-esperantistoj ekstaru en la unuaj vicoj de la esperantistaro por efektivigo de la kampanjo. Ili povas eldoni librojn, broŝurojn, aperigi artikolojn, interŝanĝi gazetmaterialojn, disaŭdigi per la radio, organizi kunvenojn, renkontojn, prepari prelegojn ktp. por diskonigi la kulturajn valorojn de la orientaj kaj okcidentaj popoloj. En tiu rilato efike povus kontribui ankaŭ la Gazetara Servo de TEĴA, kies plivigliĝo estas urĝe necesa.*

*Jen kiaj meditoj kaj pensoj venas al mi, trafoliumante la Jarlibron 1961 — dua parto — de UEA. Se ni sukcese plenumos la suprestarigitajn taskojn, certe en la Jarlibro alifoje ni ne legos pri mankoj, sed nur pri bonaj atingaĵoj en la agado de TEĴA kaj de ĝiaj membroj.*

*Dezirinde estus, se ankaŭ aliaj membroj de TEĴA eldirus siajn opiniojn pri la tuŝitaj demandoj sur la paĝoj de „Internacia Ĵurnalisto".*

***Ivan Esperov***

---

## FESTIVALO JUNULARA 1962 EN FINNLANDO

*La Oka festivalo de la junularo kaj studentaro de la mondo okazos somere 1962 en Finnlando. Ĉar nia lando estas malgranda kaj ne tre konata al la popoloj de la aliaj partoj de la mondo, mi estas preta helpi al la esperantistoj, dezirantaj konatiĝi kun Finnlando.*

*Mi preparis trifolian artikolon, en kiu mi priskribas la festivalpreparojn ĝis la fino de 1961, la landon kaj kelkajn urbojn, kie okazos la junularaj festoj.*

*Kolegoj, dezirantaj havigi al si tiun artikolon aŭ aliajn informojn kaj materialojn bonvolu sin turni al mia adreso. Mi volonte respondos kontraŭ unu respondkupono aŭ la egalvaloro. La materialojn povas esti uzataj post traduko por via landa gazetaro kaj radio.*

*Ped. N. Kavenius, Turku 9, Niklaksenkatu 10/14, Finnlando*

## „HEROLDO DE ESPERANTO" PLI OFTE

*Ni havas la ĝojon informi, ke ekde 1962 Heroldo aperos pli ofte, nome en 20 numeroj jare anstataŭ 18. Tiu decido estas prenita por kontentigi la ĝeneralan deziron de la esperantistaro vidi sian plej popularan sendepdedan internacian gazeton aperadi je ritmo pli proksima al tiu antaŭmilita. La gazeto intencas ankaŭ kiel eble plibonigi sian enhavon per variaj kaj interesaj artikoloj koncernantaj ĉiujn aktualajn aspektojn de la moderna vivo. Tabelo de la novaj kotizoj estas trovebla en Heroldo kune kun la nova adreso de la redakcio en Bruselo.*

*La nova redaktorino-eldonantino de „Heroldo de Esperanto" estas s-ino Ada Fighiera-Sikorska.*

*Kun sinceraj salutoj.*

*La redakcio*

# TUTMONDA ESPERANTISTA JURNALISTA ASOCIO

## KUNLABORANTA FAKA ASOCIO de U. E. A.

CITTADELLA
(Padova) — Italio, la 23 — an
de Decembro 1961

**SEKRETARIA OFICEJO**
**Letercirkulero № 2**

Al ĉiuj ĵuralistoj aliĝintaj
al T. E. Ĵ. A.

Jen, karaj gekolegoj, post longa tempo la atendita dua cirkulero: ĝi alportas antaŭe la saluton varman kaj elkoran de la Estraro — denove elektita dum la laboroj de la 46a U. K. en Harrogate, — al ĉiuj geanoj en la 5 kontinentoj. Laŭ lasta statistiko, ni estas entute 243 en 31 landoj, tiel dividitaj:

Aŭstralio 1, Aŭstrio 3, Brazilo 1, Britujo 6, Bulgario 57, Ĉeĥoslovakio 10, Ĉinio 1, Danlando 5, Egiptujo 1, Francio 8, Germanio Okc. 3, Germanio Or. 1, Hindio 1, Hispanio 2, Hungario 4, Japanio 2, Indonezio 1, Italio 6, Jugoslavio 20, Izraelo 3, Koreo 3, Nederlando 4, Norvegio 3, Pollando 22, Rumanio 9, Sovetunio 43, Suomio 2, Svedujo 9, Svisujo 1, Usono 2, Vietnamio 10.

Resendis al mi la enketilon 49 anoj de la kategorio A, kaj 43 de la kat. B. Nun denove mi aldonas tiun enketilon por tiuj, kiuj ankoraŭ neniam resendis ĝin, varme petante la nerespondemulojn, ke ili tuj bonvolu havigi al mi la informojn.

Ĉar kelkaj samideanoj petis rekte min aŭ dum la lasta kunveno de T. E. Ĵ. A. pri la kompleta listo kun la adresoj de la tuta anaro, mi ĝin esperas baldaŭ sendi al ĉiuj: mi atendos pro tio, ke ĉiuj ricevu tiun ĉi cirkuleron kaj la interesuloj bonvolu tuj informi min pri la eventualaj eraroj aŭ adresŝanĝoj, kaj mi — pro tio — dankas vin antaŭe.

Kaj nun mi plenumas taskon, kiun jam de kelkaj monatoj la Estraro donis al mi: mi donas la liston de ĵurnalistoj aliĝintaj al nia Asocio, kiuj estas pretaj en siaj landoj preni sur sin la taskon de peranto de la Interŝanĝservo de Artikoloj (I. S. A.).

1) Bulgario: Oljanov Violin — ul. Ivan Vazov 17 — SOFIA; 2) Britujo: Thomson A. W. — 315 Bellegrave Road — WELLING (Kent); 3) Ĉeĥoslovakio: Josef Eduard Ambroz — Ŝpaĉkova 3 — BRNO—ZIDENICE; 4) Ĉinio: Si-wei Shi—Sindiana Gazeto „Xingiang Ribao" Urumuĉi — SINDIAN; 5) Danlando: Jepsen G. Nörgaard — Skovvangen 17 — SILKEBORG (kiu estas samtempe ĝenerala gvidanto de la tuta servo); 6) Hindio: Joshi prof. ro Ramachanra Bando — Alsi Plots — AKOLA (Vidarbha); 7) Indonezio: Datu Tumenggung Chailan Sjamsu— Pintu Besi 39, DJAKARTA; 8) Italujo: Renato Pennazio — Via Vagnone 1, TROFARELLO (Torino); 9) Jugoslavio: Gjivoje Marinko — Gorni trg. 31, LIUBIJANA; 10) Izraelo: Berman Oskar — kikor Malckoy Israel 4/6, Entrance 2, 4 loĝejo, TEL AVIV; 11) Norvegio: Olav Thormodsen — Box 132, HAUGESUND; 12) Pollando: Malycha Kazimierz — Król Jadwigi 17, BYDGOSZCZ; 13) Rumanio: Stefan Freamat — strato Gabriel Peri 4 — BUKUREŜTO; 14) Sovetunio: N. F. Danovskij — Paseĉkaja 4 a, kv. 11, MOSKVA B-8; 15) Finnlando: Niilo Kavenius — Niklaksenkatu 10/14 — TURKU 9; 16) Svedujo: Andersson Börje — Jugegatan 4 B, SKÖVDE; 17) Svisujo: Unger dr. Hj — Redaktion „Die Reise", Unger Verlag, ZÜRICH 22; 18) Vietnamio: Dao-anh-Kha Hôj-Quôc-tê-ngu, bv. Hb Viêtnam, HANOI (via USSR).

Povas okazi ke kelkaj samideanoj, kiuj promesis sian helpon jam antaŭ multaj monatoj, lastmomente ne intencus plu akcepti la taskon de peranto de ISA. Tial mi petas la kolegojn eventuale nepretajn bonvolu tuj serĉi anstataŭonton kaj poste anonci lin al la Sekretaria Oficejo. Tamen — kiel vi vidas — ne en ĉiuj landoj ekzistas peranto; mi petas ke ankaŭ en la aliaj 13 landoj iu bonvolema samideano donu ŝatatan helpon: tiel la reto de delegitoj de TEĴA pri ISA estos kompleta.

Alia afero traktinda estas la jarkotizo kaj la pagebleco: kelkaj anoj informis min pri la malfacileco sendi monon. Mi opinias ke en tiu kazo estus bone, ke oni elektu en sia propra lando reprezentanton, kiu respondecu pri la kotizo de T. E. Ĵ. A. (en kelkaj landoj, kie la anaro estas malmultenomra, mi proponas la peranton de ISA mem). Senpere al li la geanoj sendos la monon, informante samtempe la Sekretarion (Kasiston) por ke la afero estu pli bone registrita kaj por ke mi povu sendi tuj la kvitancilon. De tempo al tempo la landaj reprezentantoj sendos siavice la monon al la Redaktoro Esperov, aŭ al mi mem. Estos facile por ili koni la nomojn de la anoj post la baldaŭa elsendo de la listo, kiel jam mi anoncis antaŭe. Tio tamen ne okazos por la landoj, kie la monmovado estas tute facila kaj pro tio mi varme petegas la anojn, kiuj ne pagis ankoraŭ la kotizon por 1961 ke ili faru tion baldaŭ, por ke nia Asocio povu daŭrigi sian laboron kaj sian vivon.

Neforgesende estas por ĉiuj sed precipe por la membroj de TEĴA, kiuj loĝas en la tiel diritaj Okcidentaj landoj, kiuj malofte sendas artikolojn kaj informoj por nia Revueto, ke ili helpu la Redakcion de „Internacia Ĵurnalisto", por ke ĝi aperu ĉiam pli riĉa kaj interesoplena. Ĝi estas nia voĉo kaj nia standardo, kiun oni devas eldoni kiel eble plej vere „internacia". Do, ĉiujn voĉojn ĝi devas enteni, el ĉiuj kontinentoj, el ĉiuj landoj. Bonvolu ĉiuj klopodi por la estonta sukceso de nia ĵurnaleto, kiel nia Redaktro klopodas por ĝia regula aperado. Financa (sufiĉus normala jarkotizo, se ĉiuj pagus) kaj materiala helpo per artikoloj estu via signaldiro.

Ĉar ĉiuj — mi opinias — jam legis la protokolon de la jarlaboroj dum la faka kunveno de TEĴA en Harrogate, ne estas necese ke mi aldonu aliajn vortojn, ankaŭ pro la bedaŭrinda fakto, ke mi ne ĉeestis persone kaj mi ne povas aldoni miajn personajn impresojn; tamen nia redaktoro kaj la bulgara reprezentanto ĉe 46a U. K. tiel akurate kaj detale skribis pri ĝi, ke vi ĉiuj komprenis la gravecon de la aferoj traktitaj kaj la rezultojn.

La vivo de nia Asocio kaj la intereso por ĝia laboro, kiu estas samtempe la laboro de ĉiuj ĵurnalistoj-esperantistoj — estas en niaj manoj. Bonvolu, do, ĉiuj subteni niajn iniciatojn, profiti ilin, sendi artikolojn al nia gazeto, disvastigi la laboron de TEĴA inter la neesperantistaj ĵurnalistoj kaj gazetoj, kaj fine. . . pagi la jarkotizon.

Kaj, je la fino de mia varmega peto, de mia eble longeta prediko, bonvolu akcepti ĉiuj, en ĉiuj landoj, mian koregan bondeziron por vi ĉiuj, por viaj familioj, por via laboro, por NIA laboro dum 1962, kaj por la estonteco. . . kiu estos NIA.

SEKRETARIO-KASISTO
de TEĴA
D-ro Dino Fabris

---

## FROSTAVALLEN DENOVE EN 1962

En 1962 la Universala Kongreso de Esperanto okazos en Kopenhago. La Sveda Esperanto-Instituto decidis aranĝi prelegsemajnon la 5-an fojon en Frostavallen tuj post la Universala Kongreso.

### 12—19 aŭg. 1962

Plurfoje la prelegsemajnoj en Frostavallen vekis grandan atenton inter la esperantistoj, kaj la diversnaciaj aŭtoritatuloj informiĝis pri la altvaloraj prelegoj, prefere pri la laborprogramo de UNESKO. La sveda UNESKO-Konsilantaro estis ĉiam inter la invitintoj.

La programo ankoraŭ ne estas fiksita, sed ĝi konsistos, kiel kutime, el prelegoj de eminentaj spertuloj, diskutoj, vesperaj distraĵoj ktp.

Jam nun vi povas peti aliĝilon kaj informojn ĉe s-ro Jan Strönne, Amiralsgatan 36, Malmö, Svedujo, kaj li sendos ilin al vi, kiam la programo estos preta.

## KOOPERATIVA ESPERANTO-PRESEJO

De la franca „La Gazeto", n-ro 13, aperanta en Orleans, ni informiĝas pri tre bona iniciato. Oni intencas fondi sur kooperativa bazo specialan Francan Esperanto-Presejon. Salutante la iniciatantojn, la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" deziras plenan sukceson al tiu nobla iniciato.

# KUNVENO PRI LA RILATOJ INTER INTERNACIAJ KONGRESOJ KAJ GAZETARO

La Kunveno okazis la 23-an de junio 1961 en Parizo, en la palaco de la Asocio Francujo-Ameriko sur la bulvardo F. D. Roosevelt, en la kvartalo de Elizeaj Kampoj. Ĝi estis organizita de la GEGOS (Ĝenerala Komisiono por Scienca Organizado), kiu invitis min prezenti la ĉefraporton pri miaj spertoj kiel KKS. La kunveno estis aranĝita sur tre alta nivelo: estis invititaj nur gravaj internaciaj organizaĵoj kaj kongresspecialistoj. Estis reprezentitaj, inter alie, Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj, pere de la vic-prezidanto kaj de la vic-ĝenerala sekretario (speciale venis de Bruselo), Internacia Komerca Ĉambro kaj la franca Ministerio PTT. UNESCO estis reprezentita pere de sia Departamento por Informado, en la personoj de S-ro Y. Leguen kaj F-ino Tabbush.

Dum la honora tagmanĝo antaŭ mia prelego, unu el la temoj estis Esperanto. Du francoj, kiuj konis parizan pioniron de la Internacia Lingvo, interkonsentis difini lin kiel ekstravaganculon („un fou, mais adorable") kaj klopodis apliki tiun difinon al ĉiuj esperantistoj. La reprezentanto de UIA tuj emfazis, ke en la lastaj jaroj Esperanto atingis gravajn rezultojn: la atmosfero turniĝis al simpatio, kiam mi klarigis la uzon, kiun mi faras de Esperanto en mia familio, ne pro principo aŭ fanatismo, sed pro simpla neceso.

Dum la kunveno mi prezentis ne nur la rezultojn antingitajn de niaj Kongresaj Gazetaraj Servoj en diversaj jaroj, sed ankaŭ studon pri la maniero kiel granda centreŭropa gazeto, Frankfurter Allgemeine Zeitung, dum unu jaro (oktobro 1959 — oktobro 1960) pritraktis la naciajn kaj internaciajn kongresojn. La eseo, originale verkita en la franca, estis de mi kunmetita dum 21 monatoj, dum liberaj horoj. Surbaze de statistikoj kaj analizoj, la eseo pritraktas la influon de la faktoroj tempo, temo, loko, kvanto kaj elito en la rilatoj inter kongresoj kaj gazetaro. La enketo vekis tre grandan intereson kaj estis difinita de la Prezidanto kiel grava kontribuo al la sociologio de la informado. Resumo estos sendita, fare de la CEGOS, al ĉiuj interesitaj institucioj kaj aperos en la revuo „Associations", oficiala organo de UIA, kiun ricevas ĉiu persono en la mondo, kiu okupiĝas pri internacia organizado.

La diskuto, kiu sekvis, daŭris multe pli longe ol estis antaŭvidite kaj eĉ post la fermo de la kunveno formiĝis grupetoj, kiuj plue debatis la temon. Nur unu persono (usonano) parolis angle kaj lia interveno kaŭzis grandan embarason, ĉar la stenografistino de la kunveno ne konis tiun lingvon kaj ne sciis, kion protokoli, dum la aliaj personoj (francoj kaj belgoj) evidente volis eviti debaton en la angla. Ambaŭ reprezentantoj de UNESCO plurfoje prenis la parolon.

UNESCO mem opinias sin bonŝanca, kiam ĝi povas akiri 4 liniojn en la plej grava franca gazeto: ĝiaj teknikaj konferencoj havas tiel malgrandan ehon, ke multe pli bone estus ne okazigi ilin aŭ aranĝi, ke Ministroj diru la samajn aferojn anstataŭ specialistoj nekonataj al la granda publiko. Tre interesa estis la raporto pri la metodoj de la Eŭropa Agentejo pri Produktado, kiu liveras gazetarajn komunikojn en 22 mil ekzempleroj. UNESCO posedas ampleksan adresaron de gazetoj kaj ĵurnalistoj tra la tuta mondo, kiun oni rajtas konsulti en Parizo: ĝi estas dividita ankaŭ laŭ la fakoj, pri kiuj la apartaj ĵurnalistoj interesiĝas. Estis traktitaj ankaŭ la problemoj pri gazetaraj komunikoj, gazetaraj konferencoj, decentrigo de la informado kaj de la kongresoj, ekonomiaj kaj politikaj premoj. La kunveno konstatis, ke la interesiĝo de la gazetaro al internaciaj manifestacioj estas malsufiĉa (1,9 % de la jara spaco). Pri la demando estos ŝarĝitaj kompetentaj organizaĵoj, kiel la Internacia Instituto de la Gazetaro, CEGOS, UIA kaj UNESCO. Tiamaniere la indiferenteco de la gazetaro, kontraŭ kiu baraktadas nia Movado, estas lokigita en la kadro de pli larĝa problemo, pri kiu ek de nun okupiĝas instancoj kun adekvataj aŭtoritato kaj rimedoj.

Dum la tuta kunveno Esperanto estis en la centro de la atento, ne kiel lingvo, sed kiel Movado, kiu havas tiom da sperto pri fakaj internaciaj problemoj. Post la Fermo,

La Ĝenerala Direktoro de la CEGOS, S-ro Milhaud, diris al mi, ke li estas impresita de la ekonomiaj avantaĝoj de Esperanto dum internaciaj konferencoj, kaj li demandis, ĉu estus preferinde enkonduki ĝin en ĉiujn lernejojn aŭ ĉu estus pli bone komenci ĝian instruadon al kongresaj delegitoj.

La CEGOS organizos aliajn similajn kunvenojn, kiuj iom post iom pristudos ĉiujn aspektojn de internacia kongreso: kiam la lingva problemo eniros en la tagordon, tiam estos preparitaj la kondiĉoj por la sukceso de Esperanto.

Mi sendas la tekston de mia eseo al la Informa Fako de UEA, kiu decidos pri la oportuneco konigi ĝin, tute aŭ parte, al la Informaj Fakoj de la Landaj Asocioj.

**G. C. Fighiera**
El „Belga Esperantisto,"
1961

## EL LA INTERNACIA FOTO-KONKURSO DE „KOMSOMOLSKAJA PRAVDA"



**Foto: „Al ŝi estas bone" de la fotoĵuralisto Jun Du Lan el Komboĝo, gajninta „Oran medalon"**

## TRA LA GAZETARO

### „KARAVANO DE AMIKECO"

Sub tiu ĉi titolo „Heroldo de Esperanto" — N-ro 16/1961 informas pri la Internacia ekspedicio tra Afriko gvidota de Tibor Sekelj. La ekspedicion partoprenos 11 membroj el 7 landoj (Britlando, Egiptio, Pollando, Svislando, Somalio, FNRJ kaj Usono), parolantaj 15 naciajn lingvojn. Komuna lingvo por ĉiuj estas Esperanto. Laŭ sia okupo la membroj de la ekspedicio estas: etnologo, verkisto, radioĵurnalisto, filmisto, mekanika inĝeniero, submara esploristo, ekonomo, fotografisto, muzikologo, sekretario kaj, kompreneble, kuracisto, specialisto pri tropikaj malsanoj.

La celo de la ekspedicio estas dum la proksimaj tri jaroj viziti pli ol 20 landojn de Afriko. Krom la etnologiaj esploroj, la ekspedicianoj verkos serion da artikoloj por gazetoj kaj revuoj en diversaj landoj, same kiel radio-kaj televidprogramojn. Ili preparos plurajn dokumentajn kaj du tutvesperajn filmojn.

„Krom tiuj laboroj — mencias „H. de Esp." — la ekspedicio starigis al si la taskon, per multnombraj kunvenoj en ĉiuj urboj kaj vilaĝoj, tra kiuj ĝi pasos, pere de filmoj, prelegoj, muziko kaj amuzaj programoj, alporti al la loĝantoj de Afriko sian internacian mesaĝon de amikeco, kaj similan mesaĝon kolekti en multaj afrikaj landoj. Tiel la ekspedicio Sekelj intencas kontribui ne nur al la internacia konatiĝo, sed ankaŭ al la kreado de internacia bonvolo inter la popoloj, sen rasaj kaj naciaj baroj. Tial la nomo de tiu nekutima kaj sendube novstila ekspedicio estas „Karavano de Amikeco".

Ĝojinde estas, ke en la ekspedicio partoprenas ankaŭ ĵurnalisto, de kiu ni atendas interesajn publikigaĵojn. Malgraŭ ke la nomoj de la partorenantoj ne estas anoncitaj kaj la nomon de la ĵurnalisto ni ne scias, ni bondeziras al li kaj al la tuta „Karavano de Amikeco" plenan sukceson en la nobla entrepreno.

## TRA LA TUTA MONDO

### Traduko de materialoj el 14,000 fremdaj revuoj

Laŭ la franca gazetaro en Sovet-Unio estas granda intereso pri la fremdlandaj teknikaj gazetoj kaj revuoj. En USSR oni abonis al 14,000 revuoj eksterlandaj. La plej interesajn materialojn de tiuj revuoj estas tradukataj kaj publikigataj en la soveta gazetaro.

### Eldonkvanto de la tutmonda gazetaro

Laŭ la statistiko, la suma unuopa eldonkvanto de ĉiuj ĉiutagaj gazetoj en la mondo estas ĉirkaŭ 250,000,000 ekzempleroj. La dimanĉaj gazetoj aperas en 50,000,000 ekzemplroj. La plimulto de la dimanĉaj gazetoj estas memstaraj. Estas tamen dimanĉaj gazetoj, kiuj aperas kiel dimanĉaj eldonoj de la ĉiutagaj gazetoj.

### Foto-konkurso „La juneco de XX jarcento"

La internacia konkurskomisiono donis premiojn por la plej bonaj fotografaĵoj konekse kun la fotokonkurso „La juneco de XX jarcento", organizita de gazeto „Komsomolskaja Pravda". La unuan premion gajnis Hirosi Kavaŝima (Japanio) por la fotografaĵo „La junecon oni ne venkos!". Tri duajn premiojn gajnis fotoĵurnalistoj el USSR, Kubo kaj Hindio. Estas donitaj ankaŭ ses triaj premioj kaj kelkaj kuraĝigaj.

### Informa bulteno pri la gazetaro en la kapitalistaj landoj en Sovet-Unio

„Gospolitizdat"-ŝtata eldonejo en USSR, eldonis grandan informan bultenon en 100,000 ekzempleroj pri la gazetaro en la landoj Usono, Anglio, Francio, GFR, Kanado, Italio, Aŭstralio, Latina Ameriko, Skandinavio k. a. La bulteno entenas informojn pri la plej grandaj gazetoj, telegrafagentejoj, gazetaraj trustoj. La materialoj estas skribitaj de famaj ĵurnalistoj kaj diplomatajoficistoj.

### Amikoj de nova Azio

„Amikoj de nova Azio" estas la nomo de organizaĵo, antaŭ nelonge fondita en Japanio, kiu celas al kultura interŝanĝo kaj kompreniĝo inter aziaj nacioj pere de Esperanto. La Organizaĵo publikigas Esperanto-revuon sub la sama titolo.

### Reformo de la ĉina skribo

La ĉina registraro elektis kiel membrojn de la Komitato por la Reformo de la Ĉina Skribo s-ron Huyuch, Prezidanto de la Ĉina Esperanto-Ligo, kaj s-ron Ye Laishi, ĝian Ĝeneralan Sekretarion. La reformo estas ĝis maksimumo influata de la fonetika Esperanto-ortografio. La delegacio de la japanaj observantoj en la supre menciita komitato estas gvidata de Prof. Toki Zanmaro, aktiva esperantisto.

# ORGANIZA VIVO

## LA ĴURNALISTA SEKCIO EN SOFIO PLANIS SIAN LABORON

Kiel sciate, unu el la plej viglaj sekcioj de TEĴA estas la sekcio de la bulgaraj teĵanoj. Preskaŭ ĉiuj niaj membroj partoprenas en la redaktado de Esperanto-gazetaro (Nunfempa Bulgario, Bulgara Esperantisto, Internacia Ĵurnalisto, Bulgara Filmo, en la redaktado de nacilingvaj gazetoj-ĉefurbaj kaj provincaj kaj en la disaŭdigoj de radio Sofia. Multaj el ili tradukas aŭ redaktas librojn, broŝurojn, prospektojn k. a. eldonaĵojn en Esperanto kaj kunlaboras al la Esperanta kaj nacilingva gazetaro.

Dank' al la klopodoj de la Ĵurnalistoj-esperantistoj en Sofio nia organo „Internacia Ĵurnalisto" jam aperas regule. La bulgaraj geanoj de TEĴA kunlaboras vigle kun kolegoj el fremdlando, vizitas siajn korespondantojn de aliaj landoj, gastigas ilin en sia patrolando.

Por akceli la laboron de siaj membroj, la Estraro de la ĵurnalista sekcio antaŭ nelonge kunvenis kune kun iuj sekciaj aktivuloj por pridiskuti la ĝisnunan agadon de la sekcianoj kaj plani la estontan ilian agadon. Por aktivigi la kunlaboradon al la bulgara gazetaro per materialoj por kaj pri Esperanto kaj la Esperanto-movado, la membroj de la sekcio estis denove ŝarĝitaj per la tasko respondeci—ĉiu por aparta gazeto—kaj liveri al ĝi gazetmaterialojn kaj informojn pri la Esperanto movado enlanda kaj eksterlanda. Al iuj kolegoj estis donita la tasko kunlabori al la eksterlanda gazetaro esperantista per informoj kaj belartaj materialoj.

Estis pritraktita ankaŭ la demando pri la helpo de la sofiaj Teĵanoj en la redektado kaj eldonado de nia organo „Internacia Ĵurnalisto."

Ni petas la eksterlandajn kolegojn, dezirantaj interŝanĝi gazetmaterialojn kun bulgaraj kolegoj bonvolu sendi siajn adresojn al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" kaj anonci pri kiuj temoj ili deziras kunlabori.

**St. Hristova,**
Sofia

## Ricevitaj esperantaĵoj

Karpetoj transsaltis la drakpordon— kolorilustrita 32-paĝa libreto por infanoj. Bildoj de Jang Sanzi kaj Ding Ĵonglin, teksto de Gin Gin, traduko de T. H. Eldono de Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 77, Pekino, Ĉinio. Prezo neindikita.

Faldkalendareto 1962 — ilustrita. Eldono de Ĉina Esperanto-Ligo.

Esperanto—the international language Jour passport to world friendship— ilustrita 40-paĝa libreto-propaganda en angla lingvo. Krom artikolojn kaj aliajn informojn pri Esperanto kaj la Esperanto-movado, enhavas ankaŭ koncizan Esperanto-anglan votaron· Liverata de: Esperanto Press, Oakville, Ontario, Canada. Prezo ne indikita.

Come to Wonderful Copenhagen — 4-paĝa prospekto pri la Kongresa urbo 1962, alvoko al la junularo partopreni en Esperanto-konkurso por komencantoj. Eldono de British Esperanto Association.

## PRELEGO PRI LA ESPERANTISTA GAZETARO

*Nia Sekretario D-ro Dino Fabris sukcesplene prelegis en la Itala urbo Torino, okaze de nacia esperantista kunveno en la kadro de ĝeneralaj, tutlandaj iniciatoj por „ITALIA 1961", centjara datreveno de la Unuiĝo de Italujo (1861—1961).*

*La oratoro paroladis antaŭ esperantista kaj neesperantista itala kaj eksterlanda publiko en granda salono de la Muzeo de l'Aŭtomobilo je temo „Esperantistaj gazetoj kaj eldonaĵoj". Li meritis favoran impreson precipe ĉe la loka urba konsilantaro. Dum la konferenco D-ro Fabris kompreneble pritraktis la laboron de TEĴA, la spertojn kaj la atingaĵojn de la esperantista ĵurnalistaro.*

MEMBROJ DE TEĴA, PAGU TUJ VIAN MEMBROKOTIZON POR 1961 KAJ 1962

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*